# Pola Esperantisto
# Esperantysta Polski

| XXXI JARO | NRO 10 | OKTOBRO 1937 |
|---|---|---|

ELDONANTO — WYDAWCA
POLLANDA ESPERANTO-DELEGITARO
REDAKTANTOJ — REDAKTORZY
PROF. DR ODON BUJWID — MGR TADEUSZ HODAKOWSKI

Aperas la 20-an de ĉiu monato. Redakcian materialon oni petas sendi ĝis la 10-a de ĉiu monato. La redakcio estas rajtigita laŭ bezono ŝanĝi la tekston de manuskriptoj.

Pro neatendata ŝanĝo de la presejo kaj nericevo de la aktuala materialo, sen kiu ni ne volis eldoni la numeron, devenas la prokrasto de la aperdato de tiu ĉi numero de Pola Esperantisto. Pro tiu malĝustaĵo ni petas pardonon de niaj estimataj abonantoj.

Ni esperas, ke finfine en la venonta n-o ni povos enpresigi la pluan kaj lastan parton de la prikongresa raporto.

**LA REDAKCIO.**

## AL S-RO CZUBRYŃSKI
### PUBLIKA LETERO.

Mi atente legis la broŝurojn, kiun vi bonvolis sendi al mi, kaj jen kelkaj rimarkoj pri via propono.

Interŝtata akordo estas bonega teorie, sed praktike ne povas doni la rezultaton, kiun vi celas, ĉar demokratiaj registaroj ne estas daŭraj estaĵoj, kaj iliaj konstantaj oficejoj ne havas sufiĉan aŭtoritaton por plenumi iliajn promesojn post ilia foriĝo, se la posteuloj ne konsentas pri tiu plenumado - kio estas neofta kaj ne prudente esperebla.

Nur tutpotenca diktatoro povus subskribi tian promeson kaj laŭokaze ĝin plenumi, sed nuntempe ili estas nek multaj nek certaj ekzisti ĝis tiu plenumado.

Vi pravas, dirante, ke nur per la popolo la dezirata progreso povos esti realigita, sed, laŭ mia opinio, tiu popola agado devos esti alimaniere utiligita.

Neniu progreso, kiu necesigis internacian interkonsenton estas enkondukita tiamaniere: metra sistemo, marista signalaro, internacia horo, k. t. p. estas alprenitaj komence de unu aŭ du registaroj, kaj, poste, la aliaj aliĝis al tiu decido, kies valoro estis oficiale kaj publike konstatita.

Nur per tiu metodo ni sukcesos: unu registaro enkonduku Esperanton en la programo de siaj lernejoj, kaj uzu ĝin en siaj internaciaj interrilatoj kune kun sia nacia lingvo; ĉar en tiaj aferoj ekzemplo havas grandegan valoron, estas eble, ke alia registaro imitos tiun decidon, kaj, konstatante la rezultatojn, la aliaj sekvos la unuajn.

Malfacile estas trovi la registaron, kiu komencos. Oni trovos ĝin pli facile inter tiuj de la nacioj, kies lingvo ne estas uzata ekstere de ilia lando, kaj kies naciuloj devas uzi iun al la tri aŭ kvar disvastiĝintaj lingvoj en la internaciaj kunsidoj oficialaj aŭ privataj, kiujn ili partoprenas.

Tiuj registaroj, pli funde ol la privatuloj,

konscias la moralan malsuperecon kaj konas la materiajn perdojn, kiujn al alia lando kaŭzas tiu maljusta kaj neniel pravigebla devigo.

Se ili tion publike ne konfesas, tamen ili suferas, kaj, pro tio ili facile konsentus pri forigo de tiu devigo, se al ili estas pruvite unue, ke ekzistas rimedo realigi tiun forigon kaj due, ke la nacio aprobus tiun decidon.

Oni atingus tiun duoblan rezultaton uzante la proponitan metodon, t. e. per petskriboj de multaj personoj kaj asocioj, en kiuj estus montritaj la taŭgeco de Esperanto kaj ĝia unua disvastiĝo ankaŭ per gazetartikoloj, publikaj paroladoj, k. t. p.

Estas certe, ke la popolo, kiam ĝi konscios pri la graveco de la demando ne nur por la intelekta sendependeco kaj la tutmonda prestiĝo de la nacio, sed ankaŭ por la materia profito de ĉiuj naciuloj, energie komprenigos al siaj gvidantoj, ke venis la momento starigi ĝian lingvan sendependecon tiel necesan, kiel la politika.

Tiu argumento estos pli facile komprenata de la popolo kaj pli forte ol nur la enkonduko de Esperanto en la lernejojn, instigos ĝin agi sur la registaron. Cetere ĝi ankaŭ pravigas tiun lastan decidon.

Kaj tiu uzo de Esperanto por la intelekta sendepecedo de la nacioj estos trafa respondo al la kontraŭuloj, kiuj asertas, ke tiu lingvo malfortigas la senton de nacieco.

*Rollet de l'Isle.*

Paris, oktobro 1937.

# KOMUNIKO DE P. E. D.

Por plivigligi la laborojn de PED estas necesa aliĝo de ĉiuj E-grupoj en Pollando. La kondiĉoj de apartenado al PED estas: oficiala aliĝo kaj kotizo de 10 gr monate por ĉiu membro. Pluajn detalojn pri PED oni povas trovi en statuto de PED, kiu estis presata en Pola Esperantisto nro 6, jaro 1934, kaj ricevebla senpage ĉe la sekretario.

Dum la Universala Kongreso de Esperanto en Warszawa okazis ĝenerala kunveno de PED kun elektoj de la revizia komisiono kaj de la ĉefkonsilantaro por la administra jaro 1937/38. En la revizian komisionon eniris: Inĝ. Kostecki, Mgr Ćwiklińska, S-o Toczyski; Anstataŭantoj: F-ino Zagajewska, S-o Sowiński. En la ĉefkonsilantaron eniris: S-ino Szczepańska kaj S-o Wiesenberger el Kraków, Min. Kons. Wyszyński el Warszawa kaj kapitano Silhan el Lwów.

La ĝenerala kunveno de PED decidis:

1) Komenci monkolekton inter bonvolemaj esperantistoj kaj esp. Societoj ĝis kolektota sumo de 5.000 zł por ebligi la funkciadon de pagata sekretario kaj fondo de centra informejo por Polujo.

2) organizi la tutpollandan kongreson de Esperantistoj en la j. 1938 en Bielsko. Precizan daton ni sciigos ĝustatempe.

PED, kiu estas eldonanto de Pola Esperantisto, dezirante havi viglan kontakton kun ĉiuj E-grupoj kaj Esperantistoj en Pollando kaj posedi ĉiaman revuon de E-laboro, invitas ĉiujn al konstanta sendado de raportoj, kiuj estos presataj en „Pollanda kroniko".

PED alvokas al multenombra abonado de PE. Speciale dezirinda kaj profita estas grupa abonado de PE, kies administrejo konsentas konvenan rabaton ĉe sendado de pluraj ekzempleroj je unu adreso.

Ni atentigas, ke nun venis ĝusta tempo por disvolvi viglan propagandon favore al E. per aranĝado de prelegoj, kursoj ktp. Informojn pri viaj laboroj sendu por „Pola Esperantisto".

Vi devas kompletigi viajn proprajn kaj grupajn bibliotekojn (jam nun memoru pri „Festo de la libro"); libreja fako de Pola Esperantisto estas por via dispono (petu senpagan katalogon de libroj). PED povas havigi al grupoj je speciale favora prezo: „Verkoj de Fez" (Felikso Zamenfof). Prezo: 4·50 zł kun sendkostoj.

Por disdoni inter la membroj kaj simpatiuloj ni povas sendi propagandan materialon en formo de prospektoj kaj flugfolioj. Ĝi estas ricevebla senpage, sed sendu 50 gr por sendkostoj.

Bonega propagandilo estas brazilaj poŝtmarkoj kun Esperantaj surskriboj: 1) XI Internacia Foiro. 2) Brazila Esperanta Kongreso. Ĉiu poŝtmarko kostas po 20 gr, (ne forgesu aldoni 25 gr por afranko de sendaĵo).

# ĜUSTIGO.

Ĉar en kelkaj Esperantaj kaj naciaj gazetoj aperis malĝusta informo, ke dum la Universala Kongreso en Varsovio ne estis reprezentita la Registaro de Polujo ni opinias necese komuniki, ke la Ŝtatprezidanton reprezentis dum la Solena Malfermo de la Kon-

greso s-ro Piestrzyński, vicministro de Socia Prizorgo. Ministerion de Eksterlandaj Aferoj reprezentis s-ro konsilanto Koppens, Ministerion de Popola Klerigado reprezentis s-ro d-ro Rygiel, kiu kiel oficiala delegito kaj observanto de la Ministerio parteprenis ne nur la solenan malfermon, sed kunsidojn de TAGE, TEKA, ISAE kaj aliajn. Cetere en la tago de la Malfermo de la Kongreso ĉiuj ministroj estis en Krakovo, kie okazis grava nacia solenaĵo. Ankaŭ ni notu, ke salutis la Kongreson per letero s-ro Rose, vicministro de Komerco kaj Industrio.

Ankaŭ ni devas protesti kontraŭ multaj aliaj malveraĵoj, aperintaj en kelkaj, precipe dekstrtendencaj gazetoj.

LKK de la 29 Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio.

Represo petata.

# INTERESA KONGRESO INTERNACIA KUN KVAR OFICIALAJ LINGVOJ KAJ LA.... VERDA STELO.

Ĵus finiĝis en Varsovio la 21 Intern. Kongr. de Abstinentuloj. La kontraŭalkohola movado ĉiam pli disvolviĝas, same kiel ĉiam pli intensive disvolviĝas la alkoholkonsumado kaj ĉefe la teruraj efikoj de la alkoholtrinkado. En iom simila al la esperanta movado troviĝas nun tiu de la abstinenculoj: en multaj landoj kreskis forta naciismo, kiu sin kontraŭstaras al Esperanto, — en multaj landoj kreskis la budĝetaj enspezoj pro alkoholkonsumado — kaj jen venas tiuj „malamikoj al ŝtataj enspezoj" kaj kalumnias pro la alkoholtrinkado, pruvante per statistikaj ciferoj kiom da krimoj okazis pro alkoholo, kiom da mortoj kaŭzis alkoholo, kiom da hospitaloj kaj frenezulejoj pleniĝis pro alkoholo, kiom da stratakcidentoj estis faritaj pro ebriiĝo, kiom da familiaj mastrumadoj englutis kaj ruinigis alkoholo ktp. ktp. Terure eĉ nomi ĉiujn statistikajn rubrikojn de la diabla danco alkohola!

Tutan semajnon daŭris la kongreso, kiun partoprenis kelkcent personoj el 26 landoj. 120 diversajn referaĵojn oni legis, grandan internacian ekspozicion oni montris, ĉiamaniere konvinkante la publikon pri tiu freneza konduto de la homaro, kiu suferas pro alkoholo pli multe ol pro ftizo, tifo kaj multaj aliaj malsanoj kune!

Vere sizifa laboro.

Jen oni aŭskultis prelegon pri danĝero, terura veneno, stultiganta la homaron — kaj jen, elirinte en la varsoviajn stratojn oni rigardis la belformajn botelojn kun la perliĝantaj trinkaĵoj, kiuj kvazaŭ invitus al glaseto . . .

Ĉu do la laboro de la abstinuloj ne estas pli malfacila ol la nia? Tamen ili laboras, plenespere kun kredo, ke fine la homaro komprenos, ke „pecunia olet" (kaj alkoholulo odoras malbonege . . .) — ĉar ne povas esti indiferente kiel la ŝtato akiras monon. Kaj tiam eble la ŝtatoj likvidos siajn potencajn propagando-aparatojn, kiuj ĉie kaj ĉiamaniere kriegas: Trinku, aĉetu kaj trinku alkoholon . . .

Jes, ili laboras. Ankaŭ dum la kongresa semajno ili laboregis.

Bonvolu imagi: homoj el 26 landoj, oficialaj lingvoj la angla, franca, germana kaj pola. Nur malmultaj komprenas ian fremdan lingvon krom sia gepatra. Preskaŭ ĉiu vorto estis ripetata kvarfoje. Kunsido, kiu devus daŭri unu horon, daŭris 3 - 4 horojn, elĉerpante la ĉeestantojn neimageble. Tamen tiuj pioniroj laboras kaj ilia signalvorto estas: nia estas la estonteco.

Jes, el tuta koro ni deziru al ili sukceson en la sobrigo de la homaro kaj ni klopodu faciligi ilian laboron.

Ni konvinku ilin kaj pruvu, ke Esperanto 3 - 4 oble faciligos iliajn pensojn ĉe la internaciaj interrilatoj.

Al kelkaj abstinuloj, partoprenintoj en tiu kongreso, ni sukcesis pruvi la utilon de Esperanto en la internaciaj rilatoj.

Ĝi okazis jene: kiel speciala raportinto al varsovia ĵurnalo mi ricevis inviton ĉeesti akcepton por la kongresanoj ĉe la prezidanto de Varsovio. Subite io ekbrilis en miaj okuloj: sur la brusto de iu ne-juna sinjoro mi rimarkis la verdan stelon.

Tuj sekvis ĝoja interkomprenigo kaj amikiĝo. La verdstelulo montriĝis s-ro instruisto John Turnbull, I. E. L. — Delegito en Bristol (Anglujo), ĉu ne ĝojiga surprizo por esperantisto?

Kaj en la postaj tagoj, kiam la samlandaj amikoj de s-ano T., vidinte kiom multe li scias pri ĉio en Varsovio, ili konfesis, ke Esperanto estas praktika kaj vere utila interkomprenilo.

Kaj kiam ili trarigardis la interesajn fotojn faritajn kun s-ro T. dank' al Esperanto (kaj pere de Esperanto), ili envie ekinteresiĝis pri nia lingvo kaj movado.

*Henriko Gielb*

DR L. DREHER.

# KUNSIDO DE L. K. EN VARSOVIO.

Oni multe kritikas la agadon de la Lingva Komitato kaj de la Akademio, sed oni tre malmulte scias pri la vera stato de tiuj institucioj. La ĝenerala interbatalado pri la centraj organizaĵoj okupas nin tiel ofte kaj forte, ke pri la plej grava afero, pri la lingvo mem, ne restas al ni tempo por interesiĝi. Tre domaĝe, ĉar pasas „centraj organizoj“, disbatiĝas „centraj oficejoj“, sed restas ĉiam la senbrua agado de la lingvaj institucioj. La L. K. kreita en 1905 ne ĉesas ekzisti kaj labori.

Eble tiu laboro ne estas tre intensa, sed ĉiam tre konkorda ĝi estas. Tion akcentis en Varsovio la nova prezidanto de la Akademio, s-ano Isbrücker, sub kies gvido okazis la kunsido.

Alvenis deko da L. K. anoj, sed tiu malgranda nombro sufiĉis por okazigi vere interesan diskuton pri diversaj problemoj de nia lingvo.

S-ano Nylen akcentis ke mankas al ni oficiala radikaro, kian verkis lasttempe s-o Grenkamp. Sed, bedaŭrinde, la verko de s-o Grenkamp, laŭ lia opinio, estas plena de eraroj. La Lingva Komitato decidis do eldoni en la daŭro de la plej proksimaj jaroj, universalan, esperanto-esperantan oficialan radikaron, kiu enhavu ĉiujn ĝisdate oficialigitajn radikojn kaj ĉiujn necesajn klarigojn. La laboron komencos s-o Isbrücker mem, kun la helpo de la tuta esperantistaro. Detaloj aperos baldaŭ en ĉiuj esp. gazetoj.

# ĈU NE EKPROVI?

Ni bone scias, ke la plej efika propagando estas tiu. kiu donas realan utilon. Bedaŭrinde reala utilo de nia lingvo estas ofte probabla, kaj oni tre malofte trovas adeptojn, kiuj havas okazon aŭ perspektivon tuj reale utiligi scion de nia lingvo. La plej granda valoro de esperanto estas, ke ĝi plifaciligas postan lernandon de naturaj lingvoj. Tiuj ĉi ankoraŭ estas multe instruataj, do jen prezentiĝas al ni la okazo ekprovi krei konvinkan fakton sur tiu ĉi kampo. Oni diros al mi, ke la ideo ne estas nova. Certe ne, sed mi volas alpaŝi al ĝia realigo novmaniere.

En preskaŭ ĉiuj lernejoj en nia lando, kaj eble ankaŭ en la aliaj, funkcias tiel nomataj „Gepatraj Komitatoj“. En tiujn komitatojn ni devas penetri, sed ne pere de gvidinstruistoj sed, senpere. Temas pri tio, ke se oni arangos kunvenon de tia komitato, ĝin partoprenas lernejestro aŭ gvidinstruisto, de kies persona opinio pri esperanto plejparte dependas sinteno de gepatra komitato. Do ni devas fari alie: nome dissendi al la gepatroj laŭ antaŭe akiritaj adresoj -- specialan flugfolion. La adresaron akiru loka esperantisto gvidonta kurson. Unue tiu persono eksciu, kiom da personoj estas en komitatoj de kelkaj (por komenco oni ne povas tro grandskale aranĝi la aferon) mezlernejoj en la urbo, la ciferon li sendu al speciale starigita Centro, kiu laŭ ricevita nombro presigas la flugfolion. Poste ĝi devas liverita laŭ sendotaj adresoj. En antaŭe difinita tempo sciigita pri dissendo loka esperantisto turnas sin persone al prezidanto de la komitato kun rajtigilo de l' Centro kaj proponas kunlaboron, servas per klarigoj ktp. dum aranĝata poste kunveno. Al ĝi venos jam antaŭe pripensintaj la aferon personoj, do ne tiom influeblaj de opinio de instruisto, kiuj plej parte ne montros sin tro favoraj. Pritraktota estu demando pri prova instruo de esperanto dufoje semajne dum du monatoj. En flugfolio estu substrekita, ke la lernado celas plifaciligon de lernado de aliaj lingvoj pro tio la lernmaterialo devas esti akomodita al tia de ili. Post du monatoj, dum kio jam devas sentiĝi la rezulto, sekvos tria monato kaj eventuale la kvara. La pago estu por unua monato por persono 50 gr, por la dua 1 zł, por tria 1 zł, kaj por kvara 50 gr. En okazo de nekontentiga rezulto de 50% da infanoj kurso povas esti ĉesita sed ne pli frue al post 2-a monato. Gvidos kurson loka esperantisto plej bone Ĉe-metode, sed ankaŭ per aliaj. Ricevita mono servos, unue por repagi al la Centro kostojn de presado, afranko pliigitaj je 50% kaj due por instruanto, kiu siaflanke enpagas 10% de la resto en kason de loka esperanto-societo. Do se en urbo estos nur 3 lernejoj kun entute 120 geknaboj de unua klaso kaj almenaŭ duono da ili lernos, tiam eĉ en malsukceso post 2 monatoj ni havos 90 zł, el kiuj eble 18 zł estos sendataj al Centro, 7 zł — al esp. societo kaj 65 zł al instruanto, do preskaŭ 4 zł por leciono. Ĉu do ne valoras ekprovi. Per sukcesaj provoj ni plugos kampon por Internacia Esp. Akordo. La financa problemo solviĝu jene:

El enspezoj post unua monato estos pa-

ĝitaj pres — kaj afrankokostoj, do sufiĉos, se malgrandan antaŭpagon por ili kovros Landa Asocio, kiu eventuale kolektos ĝin de tiuj societoj, kiuj poste ricevos cititajn 10%, do sufiĉe bonan provizion, kiu povas eĉ esti uzita por pago de kotizo. Kiel Centron mi proponas P. E. D. aŭ Polan Esperantan Asocion. Kiel realigontoj — delegitojn de I. E. L. kaj de U. E. A. kaj ankaŭ bonvolajn izolulojn. Komence oni povas prizorgi tiujn lokojn, kie ni havas bonajn ĉe-instruistojn, por fari la eksperimenton kun plej alta grado de sukcescerteco. Poste tiujn faktojn ni uzados kiel precedencon.

Tiun ĉi projekton mi ĵetas por pli vasta priparolo.

Kompetentuloj izolaj kaj P. E. D. bonvolu ĝin prikonsideri. Eble io estas en ĝi plibonigebla, io ne antaŭvidita. Por kolekto de adresoj oni povas laborigi ne unu personon, la taskoj povas esti racie distribuitaj — kreiĝas nova instigilo por dormantaj societoj.

inĝ. *M. Chmieliński*
*Toruń.*

# LA LITERATURA AGADO DE ANTONI GRABOWSKI

## 1857—1937.

Du nomoj elstaras en la Esperanto-movado: Zamenhof kaj Grabowski. Ambaŭ formas tuton. La unua estis homo genia, donacinta al la tuta mondo perfektan inventon, je kiu ĝi tre longe sopiris. Esperanto estas la nomo de la invento. Esperanto evoluis, kvankam sur dorna vojo, paŝo post paŝo, enpenetrante ju pli poste des pli profunde en la homan vivon. En ĉiu angulo ĝi faris vizitojn kaj restigis semojn, kiuj bone fruktis. Ekestis armeo de ĝiaj adeptoj, kiuj sekvis kun entuziasmo kaj fervoro la vojon de ĝia kreinto.

Hodiaŭ Esperanto ĝisvivis jam 50 jaran ekziston. Tre multe Esperanto atingis dum ĝia ĝisnuna vivperiodo.

Parolante pri la vojo, kiun Esperanto pasis kaj pri ĝia sukceso, oni ne povas prisilenti la fakton, ke sendube la plej grandan parton ni ŝuldas al Antoni Grabowski.

Estis li, Antoni Grabowski, la unua, kiu ekinteresiĝis pri nia lingvo.

Estis li, la unua, kiu iĝis baldaŭ fervora al nia afero. Estis li la unua, kiu tuj, post eklerno de la nova lingvo, iris al la Majstro, D-ro Zamenhof, por esprimi al li sian ravitecon pro la genia lingvo. Kaj ni povas imagi, kiel sentis sin tiumomente Zamenhof, kiu ĝis tiam nur renkontis mokon, aŭdis je sia adreso nur la vortojn: fantaziulo, frenezulo. Ĉu mirinde, ke tiumomente la okuloj de nia Majstro eligis larmojn?

A. Grabowski ne kontentiĝis per nura eklerno de la lingvo. Baldaŭ ni vidas lin ĉe sia tablo, kie li senĉese laboras por la lingvo.

Grabowski prenis sur sin celon: popularigi la lingvon, ne lasi ĝin kruda. Multaj eble bonaj projektoj velkas, se oni ne penas ilin kulturi. Same pri Esperanto. Zamenhof kreis la lingvon, ĝi estis vere genie kunmetita. Sed oni ja devis ĝin ĉizi, ornami, popularigi, adapti ĝin al ĉiuj branĉoj de la homa vivo ĝenerale kaj al literaturo precipe. Ĉe la unua renkontiĝo kun Zamenhof, Grabowski diris: „Sen literaturo via lingvo ne venkos". Kaj tiun breĉon decidis Grabowski plenigi. Grabowski komprenis, ke, se Esperanto restos en la sama stato, kiel dum la naskiĝo, ĝi ne evoluos. Al Grabowski estis tute klare, ke Esperanto devas fari similan evolufazon, kiel ĉiuj aliaj naturaj lingvoj.

Kaj ĝuste Grabowski estis la unua, kiu faris Esperanton pli bela, fleksebla, ĉiaflanke taŭga.

Vere skribis la granda nuntempa Esperanta poeto Kalocsay post la morto de Grabowski:

„Ho, muzo Esperanta, en la angul' vi sidis
En vestoj senornamaj, al cindrulin' simile
Li vestis vin per silko, vin perlornamis brile,
Kaj prenis vin ĉe mano, kaj vin solene gvidis
En halon de la arto, en templon de la belo".

Grabowski enkondukis belajn esprimojn kaj neologismojn, sen kiuj li ne povis trankviligi sian verk- kaj traduktalenton.

Lian grandan talenton ni povas admiri jam de 1888 en liaj diversaj originalaj versaĵoj, precipe en lia sennombra tradukita verkaro.

Grabowski originale verkis ne multe. El liaj pli konataj versaĵoj ni menciu: „Tagiĝo", „Reveno de l' filo", „Sur unu kordo", „La semanto", „Jubilea Kantato", „Saluto el Varsovio" k. a. En „Tagiĝo" Grabowski akcentas la dornan vojon trapaŝitan de Esperanto, post kiu nenio povas jam detrui ĝian fundamenton.

Li diras:
„Se venus ankoraŭ ventegoj, batal'
Ni estas jam bone harditaj;
Nenio en mondo elŝiros ĝin for,
Ĝi havas radikojn profunde en kor'".

Krome li akcentas en ĝi sian samtempan fidelecon al sia patrujo kaj al la tutmonda familio.

Li diras:
„Kaj same fidelaj al hejma altar'
Ni sentas nin filoj del' tuthomar'".

„Tagiĝo" estis akceptata de la pola Esperantistaro kiel ĝia himno. En la vasta mondo „Tagiĝo" iĝis tre fama poemo kaj post la „Espero" de Zamenhof ĝi rikoltas plej grandan rekonon.

La versajon „Reveno de l' filo" Grabowski verkis okaze de 8-a Universala Jubilea Kongreso en la jaro 1912 en Krakovo. Li prezentas en ĝi Esperanton kiel filon revenantan al sia patrujo post longa migrado.

Li diras: „Post foresto multejara
Venas filo mia kara;
El migrado ĉiulanda
Venas filo mia granda".

Por povi rime verki, Grabowski estis devigata enkonduki novajn esprimojn, neologismojn. Kaj ĉu ili estas bezonaj, respondas Grabowski jene: „Senrima kanto estas por mi

Flor' sekigita, sen odor'
Kun rimoj dolĉa kant'
sen ili
Parol' senmelodia,
(El „Sur unu kordo")

Grabowski ankaŭ eldonis kelkajn vortarojn pol. — Esp. kaj Esper. — pol.

Speciale ni devas turni nian atenton al la eksterordinara traduklaboro de Grabowski. El liaj manoj eliris tradukoj de diversnaciaj kaj diverslingvaj verkistoj. Sendube, ke la plej grandan lokon okupas la pola literaturo.

Li tradukis: „S-ro Tadeo" de Mickiewicz, „Mazepa" de Słowacki, „Halka" de Wolski-Moniuszko, „Pekoj de l' infaneco" de Prus, „Ŝi, la tria" de Sienkiewicz kaj de ĉi lasta: „Kio okazis en Sidono" — „La juĝo de Oziris", — kaj „Parnaso de popoloj". La lasta estas kolekto de poeziaĵoj de 31 diverslingvaj verkistoj. Inter aliaj Grabowski tradukis du kantojn el la juda lingvo, nome: „La malriĉa kudristo" de Moric Rozenfeld kaj „En vintro" de A. Rejzen. Krome Grabowski tradukis verkojn de Puŝkin, Goethe k. a.

Tre multajn poemojn Grabowski esperantigis el la pola literaturo. Ili estis pli ol 50.

Grabowski atingis sian famon kaj estis admirata precipe pro sia genia traduko de la fama epopeo de la pola literaturo, „S-ro Tadeo" de Mickiewicz.

Per tiu genia traduko de la famekonata verko Grabowski montris la valoron de Esperanto por la alilingva literaturo, „S-ro Tadeo" dank' al sia esperanta traduko kaŭzis pli grandan intereson en la vasta mondo por la pola literaturo. Dank' al tiu traduko Grabowski pruvis al surdemuta mondo la taŭgecon de Esperanto ne nur por ĉiutaga interkomprenigo. Per ĉi laboro Grabowski montris la ĉiuflankan flekseblecon de Esperanto, kiu estas respektinda ne malpli ol la natura lingvo.

En „S-ro Tadeo" ni trovas multajn novajn formojn, esprimojn, pri kiuj Grabowski prenis sur sin mem la decidon enkonduki ilin en nian lingvon.

Li faris tion ekskluzive por la bono de Esperanto. Por traduki tian verkon, Grabowski ne povis kontentiĝi per la ekzistanta vortriĉo de Esperanto.

Ni menciu kelkajn de li enkodukitajn, ekz.: Grabowski prenis substantivon kaj faris de ĝi verbon:

„S a b r i l a m a l a m i k o j n",
„j a m t e m p a s t i o n d i r i".

Grabowski prenis adjektivon kaj faris de ĝi verbon:

ekz. „a p e n a ŭ m i f o r t a s p o r d i r i"

Aŭ Grabowski faras kunmetojn: „l a s t f a s o n i v e s t o n", „p e n a ŭ d e b l a p a r o l o".

Krome Grabowski uzis tre vaste la adverban finaĵon: „e".

ekz. „O k u l e m a n ĝ i", „v a r m i ĝ i s u n e", „k a p e f a l i s u b e n", „j u n e l i m u l t e v e t u r a d i s".

Multaj el tiuj formoj esprimoj estas jam oficialigitaj; kompreneble, ke tiujn esprimojn ni ne apliku en la ĉiutaga vivo, sed por la poezio ili estas ne nur utilaj, sed necesegaj.

Jen kion skribis nia poeto Kalocsay el Hungarujo: „Per la traduko de S-ro Tadeo" Grabowski elmontriĝis la granda artisto de la fleksebleco kaj kuraĝa tornisto de la poezia lingvo. Ĉion, kion oni povas elsorĉi el nia lingvo, Grabowski montris en ĉi traduko. Kolocsay finas, ke la traduko de „S-ro Tadeo" devus esti studata en ĉiu supera kurso kaj de ĉiu poemtradukisto!"...

Kaj ne mirinde, ke Grabowski estis nomata la „P a t r o d e E-p o e z i o" kaj ankaŭ la dua Majstro. Tiujn nomojn li prave meritis. Ni devas kun pura konscienco konfesi, ke Grabowski havas la plej grandan meriton por nia afero. La Esperantan literaturon ni en plej granda parto ŝuldas al li.

Por ke la Zamenhofa lingvo povu atingi tian staton, kian ĝi havas nun (de literatura vidpunkto), devis aperi tia Grabowski, kiu kun sia tuta fervoro ĵetis sin al la afero, celante al egaligo de Esperanto kun aliaj lingvoj naturaj.

Kaj ke li tion plene atingis, sufiĉas al ni la nura traduko de „S-ro Tadeo".

Ĉiam ni memoru
Pri Majstro la unua,
Konstante ni laboru
Laŭ vojo de la dua.

*J. Szuster* (Wilno).

*KOLOMANO KALOCSAY*

## *UMARŁ GRABOWSKI....*

*Pieśń żałobna węgierskiego poety esperanckiego Kalocsay'a, napisana w r. 1921.*

*O, rymy esperanckie, dzisiaj brzmijcie jękiem*
*I roznioście po świecie głos rozpaczy czarnej,*
*Albowiem mistrz wasz umarł — genialny, mocarny,*
*Co życiem was napełnił i czarownym dźwiękiem.*

*O, Muzo esperancka, siedziałaś w kąciku,*
*Podobna do kopciuszka w skromnej sukni swojej,*
*On odział cię w jedwabie, klejnotami stroi,*
*Wziął za rękę i powiódł wśród opornych krzyku.*

*Powiódł cię do świątyni sztuki uroczyście,*
*Na lirze twojej napiął srebrnodźwięczne struny,*
*Aż zabrzmiały akordy mocniej niż pioruny,*
*I słodziej, niżli miody, szumniej, niżli liście....*

*On był waszym patronem, chronił was przed klęską,*
*Uczył chodzić i latać i wzbijać się skokiem,*
*Niesione lekkim rytmem i tanecznym krokiem,*
*Wdarłyście się na „Parnas narodów" zwycięsko!*

*Na alarm krzyknął: „Świta!" Niech rym każdy rusza*
*I laur zdobywa w walce! Hej na sławy szczyty!...*
*I oto wraca każdy, niosąc skarb zdobyty...*
*I brzmi po esperancku piękno „Tadeusza"!*

*Dotknąłeś serc — i serca zrodziły kolory*
*Wonnych kwiatów; i zeszła do nas wiosna pieśni...*
*I nie wiem, jaki wiersz Twój woła mocniej, wcześniej:*
*„Hołd Mistrzowi naszemu, sława i honory"!*

*Jako ptak jesteś, Muzo, gdy mróz cię dotyka,*
*Kurczysz skrzydła w żałobie, i niema i łzawa,*
*Zrzucasz jedwab i pereł toczy się oprawa;*
*Lutni w kąt porzuconej ucicha muzyka...*

*O, Muzo esperancka! przecież nie siądź niema,*
*Chociaż od łez się twoje rozluźniły struny,*
*O niechaj brzmią akordy gorzkie, jak piołuny —*
*Głuche, tępe, jękliwe, żałobne poema!*

*Ogłaszaj swoją boleść, rozjęcz się w obłędzie*
*Pod tym okrutnym ciosem niezbłaganych losów;*
*Krzycz i niechaj krzyk twój ma tysiące głosów,*
*Bo serca bratnie w świecie odpowiedzą wszędzie!*

*A kiedy pieśń żałobna przedźwięczy, przeszumi,*
*Rozpostrzyj znowu skrzydła na nowe zapędy,*
*By wzruszyć nowe serca, iść natchniona wszędy,*
*Na znak, że nauk Mistrza już czas nie przytłumi.*

*Aby rym esperancki zdobył wieczne prawo,*
*Pomiędzy nim a nami mógł ogniwem stać się...*
*On uczył nas, jak wierszem i płakać i śmiać się...*
*Każdy twór godny będzie jego nową sławą!*

*Przełożył z esperanckiego oryginału*
*Leo Belmont.*

*W lipcu 1937 r.*



## LETERO EL SVEDUJO.

Kiel ĉiuj aliaj kongrespartoprenantoj ankaŭ ni, svedoj, ricevis broŝurojn pri la plej belaj kaj la plej vidindaj urboj en Polujo.

Kiel surskribo en la broŝuro pri Kraków estis skribita: Kraków perlo de polaj urboj. Tiuj vortoj tuj interesigis min pri la urbo. Dum mia restado en la lando mi ne havis okazon viziti tiom multajn urbojn, kiujn mi volis, sed tamen mi volas subskribi tiu aserton: „Kraków — perlo de polaj urboj"

La sveda Kraków - karavano, al kiu mi apartenis enhavis 27 partoprenantojn, kiuj dum tro mallonga tempo provis rigardi la urbon. Nia restado estis limigita ĝis nur 2 tagoj. Kvankam la tempo estis mallonga, nia ekskurso al Kraków vere sukcesis. Dank'al niaj senlacaj gegvidantoj fraŭlino Zagajewska kaj red. Schnützer. Sen ilia helpo la vizitado en la urbo estus senvalora.

De Varsovio ni venis proksimume je la 23, 30 kaj post kelkaj malfacilaĵoj ni ĉiuj estis enhoteligitaj je la 1.30.

Nia unua tago -- dimanĉo -- estis sufiĉe laciga, kvankam ni pro malbona vetero estis devigataj ripozi kelkajn minutojn.

Laŭ la antaŭfarita programo ni unue vizitis la reĝan kastelon Vavel kaj la katedralon. Vizitado en tiuj mondfamaj konstruaĵoj estis, estas kaj estos neforgeseblaj rememoroj. Nature ĝi havis specialan intereson por ni, svedoj, ĉar kelkaj okazintaĵoj de sveda historio estas kunligitaj kun reĝa katelo Vavel kaj Kraków. La tomboj, en tombejo de la katedralo, kiuj faris la plej profundan impreson al ni, svedoj, estis tiu de marŝalo Piłsudski kaj Sigismund la III-a Vaza.

Poste ni rigardis la plej vidindajn monumentojn de la urbo, ni vizitis la elektite belan preĝejon de sankta Mario, en kiu ni parte ĉeestis tre solenan diservon. Kiam la diservo finiĝis la internaj vidindaĵoj estis montrataj por ni kaj la tago finiĝis per komuna vizito en restoracio.

Sekvontan tagon — lunde — ni komencis nian ĉasadon de restantaj vidindaĵoj ĉe palaco de preso, kies grandeco en ĉiuj cirkonstancoj estis vere impona. Ne ĉiutage oni havas okazon vidi tian grandan „gazetfabrikejon".

La plej proksimaj punktoj antaŭ la vojaĝo al Wieliczka estis vizito en Nacia Muzeo kaj la Draphaloj, tie ni aĉetis multajn memoraĵojn de Kraków. Post agrabla komuna tagmanĝo en bona restoracio ni lasis la urbon kaj per vagonaro veturis al Wieliczka.

Por esprimi niajn sentojn kaj pensojn dume kaj post la vizitado en la salminejo, ne ekzistas vortoj, ĉio estis kiel sonĝo aŭ fabelo. Nun mi volas uzi la kaŭzon danki la ĉefinĝenieron de la salminejo pro lia granda afableco dum nia vizito tie. Koran dankon, s-ro ĉefinĝeniero!

Je la 17, 35 ni kun peza koro lasis la perlon de polaj urboj. Ĉe la stacidomo estis multaj Kraków-aj samideanoj, kiuj adiaŭis nin.

Fin-fine mi de mi mem kaj de la tuta sveda Kraków-karavano volas kore danki al gesinjoroj Schnützer kaj fraŭlino Zagajewska pro ilia oferema laboro por ni, svedoj, dum nia vizitado en la ĉarma urbo Kraków. Koran dankon, gesamideanoj!

*Curt.*

## NEEFEKTIVIĜINTA MEMMORTIGO

**(Kelkaj folioj el memorlibro).**

25/VIII. Nu, mi jam scias ĉion... ĉion... la monstrega vero malkaŝiĝis al mi en tuta sia teruro... forkuris ĉia dubo... restis nur malĝoja, sed difinita vero. Mia edzino sisteme min perfidas... trompas... ŝi amas tiun... oficistaĉon...

Ho, Dio!... savu min, ĉar mi freneziĝas...

26/VIII. Fino... ĉio estas finita... mia vivo estas rompita... ŝi ne min amas... al mi restas... jes al mi restas nur eliminiĝo el tiu ĉi ludo, kiu estas la vivo.

Mi nun... ho, Dio savu min!...

27/VIII. Mi jam delonge suspektis ŝin pri malfidelo, sed mi neniam supozis tian fiekzisteblon. Ne!! Tio estas io... mi vagadas, kuradas kiel frenezulo, sencele, senkonsole... en la kapo ardas... Dio, Dio... Aĥ, damninda virino!...

28/VIII. Kion nun mi faru, kiel procedu?? Mi sufokiĝas, turmentiĝas...

29/VIII. Mi jam decidis... morgaŭ mi mortigos ŝin... ŝin kaj lin... tiun damnindulon... mi murdos ilin kunĝue... mortpafos ilin per revolvero. Mi tuj iros al Zieliński kaj petos lin pri prunto de revolvero... morgaŭ... morgaŭ komenciĝos la komedio... tragedie finiĝonta...

30/VIII. Miaj intencoj vaniĝis... mi sentas, ke mi ne povas mortigi ilin... tio trosuperas miajn fortojn... sed...

31/VIII. Mi redecidis... decidis forte, nerevokeble... mi mortigos, sed... min mem. La vivo mia estas ja tiel sencela... sensenca... morgaŭ... jes, morgaŭ...

1/IX. Hodiaŭ mi ne povas skribi... tio tromonstras... la piedoj miaj febre tremas... pro troa emociego mi estas preskaŭ senkonscia... ebria...

. . . . . . . . . . .

10/IX. Nu, ĉio forpasis feliĉe... ne en tiu senco, ke mia edzino ĉesis min perfidi, ho ne!!... ŝi amas lin plue... sed en tiu, ke mi tamen vivas. Kaj dank' al kio? Dank' al revolvero!! Revolvero de sistemo „Mauser“...

11/IX. Tio estis unuan de aŭgusto. En tiu tago mi senhezite decidis morti... mortpafiĝi. Mi prenis la revolveron kaj aliris la proksiman betulareton... mi genuis kaj ekpreĝis... poste per „lasta“ ekrigardo adiaŭis la teron, ĉielon, ĉirkaŭaĵojn... Kun martelsimila korbatado mi levis la revolveron kaj almetis malvarman tubeton al tempio. En okuloj ekondumis milionaj diverskoloraj fajreroj kaj steletoj, en veloj ekmuĝis netolerebla, kapŝira brusonado... mi senscie kalkulis: unu... du... ankoraŭ momenteton... ho, Dio!... kun turmento, kun pezega, anima turmento mi ekkriis - tri!! kaj surpremis la ĉanon...

Do jam? Ne!!... ĉar la pafo ne sekvis. Kial? Morgaŭ!

12/IX. La pafo ne sekvis. Mi ekrigardis mirigita: Zieliński ja diris, ke ĝi estas ŝargita... do, kial? Aĥ, tiuj Mauser'oj! Tio estas plej malbona tipo de revolveroj... estas nek risorto, nek... nur sola ĉano, kiun oni vane premas. Mi turnadis la damnindan revolveron en ĉiujn flankojn, mi tiris la tubeton, kunpremadis la revolverkapon, mi frapadis, skuadis... sed vane: revolvero ne volis ekpafi! En sama tamen tempo mi tute senscie deŝovis la sendanĝerigileton...

13/IX. Kiel jam skribite, per ia hazarda fingroekmovo dum frapado sur la revolvero, mi tute nescie deŝovis sendanĝerigileton kaj tiamaniere pretigis la armilon al ekpafo. Kolere mi ekpremis la ĉanon kaj subite... trrraĥ!! neatendita ekpafo ekskuis la aeron... la milajn eĥojn disportis subita eksplodo en ĉiujn flankojn de arbareto kaj kuglo forŝiris la ŝelpecon de proksima betuleto.

Momenton mi staris muta... rigida... sed post kelka tempo la pensoj fulmsimile ektrakuris ardplenan mian kapon: Aĥ, do, tio tiel aspektas? Do, tia infera forto estus direktita en mian kapon? Kaj, krom tio, kun tia laŭtega eksplodo?? Do, el mia kapo, simile al tiu ŝelpeco, la kuglo samforŝirus la pecon da kranio, eble eĉ kun cerbo?! Do, tiel aspektas tiu „bela nobla morto“, kiel nomas stultuloj memmortigon per revolvero? Ho, neniam!! Mi ne volas morti, mi volas vivi... diablo prenu mian edzinon kaj ŝian malindan amanton. Mi sputas ilin.

La ĉefaĵo estas tio, ke mi vivas...

14/IX. Hodiaŭ, antaŭmomente mi solene ĵuris, ke neniam, ĝis lasta vivspiro mi prenos revolveron en la mamon. Ĉar kial ĝi tiel laŭtege pafas?

15/IX. Nun mi venis al konkludo, ke memmortigo per revolvero estas terura kaj minaca kiel sinpendigo, sindronigo k. a.

*Eugeniusz Matwiejczuk.*

**JAN REYTAN**

# KIU KULPAS

**(Fragmento de la eldonota romano).**

Iun tagon ĉe la fino de la februaro mi tiel avidis la brandon post deviga kelktaga sobreco, ke dum la dormo de Teklunjo mi forrabis ŝian palton kaj vendis ĝin dum la foiro. Mi ricevis por ĝi nur kvardek markojn, kvankam ĝi valoris eble ĉirkaŭ ducent. Mi timis reveni hejmen. Mi ne kuraĝis enrigardi en la okulojn de la edzino kaj de la infano. Ĉion mi tradrinkis. Mi hejmrevenis ne pli frue ol dum la malfrua nokto...

La vivtagoj de Teklunjo estis jam mallongaj: ŝi malsaniĝis je akuta tuberkulozo kaj estingiĝadis rimarkeble.

Inter la domloĝantoj ekestis iu protekta komitato, konsistanta el kelkaj noblaj sinjorinoj, pagantaj la senesperan kuracadon de la

malsanulino kaj nutrantaj Kazuĉjon, kiu dividis ĉiam kun mi la abunde liveratan al li manĝaĵon. Tolaĵon lavis al ni iu virino, kiu estis salajrita ankaŭ de la menciita komitato.

Al la morta malsano de la edzino mi baldaŭ alkutimiĝis, kaj des pli malmulte mi suferis vidante ŝin, ju pli mi drinkis. Ne teruris min fine eĉ la paperpecetoj, sur kiuj ŝi skribadis al Kazuĉjo siajn dezirojn, kiam ŝi ne havis jam forton por elitiĝi. Mi akiradis nun monon por la brando per almozpetado. Tio donadis al mi tion da mono, ke preskaŭ ĉiutage mi revenadis nokte tute ebria kaj tuj mi iris en la liton. Mi lasis kreski la barbon, mi aspektis ĝenerale kiel mizerulo, ĉar en la aŭtunmantelo fariĝis truoj, kaj la disŝiritaj ŝuoj kaj la eluzita ĉapelo kompletigis la bildon. Plej multe oni donadis al mi, kiam mi tremis kaj konvulsie ploris, renkontante la homojn, kiuj eliradis el la kino aŭ el teatro. Iam Brudecki donis al mi almozaĵon kaj li ne rekonis min, kvankam li atente rigardis mian personon. Kiel fajron mi evitadis la policon, ĉar unufoje mi devis tranokti en komisarejo sur la tabullito inter diversa kanajlaro. Oni liberigis min la sekvantan tagon, kiam mi pruvis, ke mi havas hejme mortantan edzinon kaj surdan infanon.

Estis jam la mezo de aprilo. Post la severega vintro alvenis escepte varma printempo.

Iun tagon vespere tiel revigis min la brando, ke mi tradormis sur la benko en la parko de Paderewski la tutan nokton. Vekis min frue la suferiga matenmalvarmo kaj la laŭtaj impertinentaĵoj de la parkgardisto.

Kion faras nun Teklunjo? — ĝemis mia animo. Eble per malforta voĉo ŝi petas Kazuĉjon, por ke li donu al ŝi akvon, sed la kompatinda infano dormas aŭ, ne rigardante ŝin, ludas kaj ne aŭdas... Li estas ja surda...

Mi kuris kaj kuris ĉiam pli rapide. Iu neforigebla forto pelis min al la hejmo. Mi trakuris la tutan pontegon, mi estis jam en Aleje Jerozolimskie.

Pli rapide! Pli rapide! vokis la interna voĉo. Eble Teklunjo volas akvon, eble ŝi postulas tion de Kazuĉjo, kaj li nenion aŭdas...

Mi falis teren pro la granda laciĝo, ne penante eĉ moviĝi. Pli rapide! Pli rapide! — kriegis la sama voĉo.

Mi leviĝis subite kaj mi komencis kuri tra la pluaj stratoj de la vekiĝanta urbo, ĝis kiam mi denove falis. Mi ne scias, kiel longe mi kuŝis. Kun granda fortostreĉo mi fine leviĝis. Mi ne povis plu kuri.

En la pordego renkontis min la filino de nia domzorgisto.

Iru sinjoro pli rapide al via hejmo! — ŝi ekkriis. Mi eĉ ne demandis ŝin pro kio mi devas iri pli rapide. Mi antaŭsentis...

T e k l u n j o m o r t i s! M a l a p e r i s l a s u n o d e m i a v i v o!

La trian tagon Teklunjo dormis jam forte en la tera lanugo kaj ŝi ne skribis plu kartetojn al Kazuĉjo...

Iu aĉetis la ĉerkon, iu enterigis ĉi tiun martirinon.

Mi eĉ ne scias, ĉu mi ĉeestis la entombigon, kvankam oni diris, ke mi ĉeestis ĝin, ke mi mem enmetis la edzinon en la ĉerkon por eterna ripozo, ke mi poste revenis el la tombejo kune kun la fileto.

M i m e m n e s c i a s, ĉ u m i ĉ e e s t i s l a e n t o m b i g o n d e T e k l u n j o.

Restis al mi surtere nur Kazuĉjo. Mian nekvietigeblan sopiron al Teklunjo mi dronigis ĉiam en la okulojn de la filo, tiel similegaj al la okuloj de la patrino, aŭ en la brandon... Alterne.

Oni volis forpreni de mi la infanon, zorgi pri li, eduki lin. Mi ne permesis. Eble mi redonus lin al bonaj homoj por edukado, sed mi havis neniun fotografaĵon de la edzino. La albumon mi vendis jam delonge, kaj ĉiujn fotografaĵojn el ĝi mi forbruligis kelkajn tagojn antaŭ la lasta mortmalsano de Teklunjo, ĉar mi ekvidis, hejmreveninte iam ebria, ke ŝi trarigardas ĉi tiujn memoraĵojn kaj ploras.

Nun mia konscienco bezonis ĉiam pli fortajn batojn kaj se ili mankis al mi en sobreco aŭ ebrieco, tiam mi havis ilin en la okuloj de la infano, kiuj same rigardis min, kiel tiuj de la patrino: nur kun timo aŭ kun amo.

Kelkfoje mi provis bati Kazuĉjon, kvankam li tion per nenio meritis, sed neniam li rigardis min malame aŭ riproĉe — same li rigardis min, kiel la patrino... Post tia batado mi kisis lin infoje, karesis, surverŝis per larmoj, kaj plej ofte mi eliradis el la hejmo, por pli rapide ebriiĝi kaj ĝuste en la drinkejo ĉe la brando mi kortuŝe ploris.

Neniam mi trovis lin dormanta kvankam mi revenis ofte en la nokto. Li ludis per kelkaj malnovaj ludiloj, kaj maldormis, kvazaŭ li timus la plenumon de sia terura songo...

Iun tagon venis la domgardisto kaj sciigis min, ke la administranto de la domo ordonas al mi forlasi la loĝejon, ke mi povas ĉi tie loĝi ne pli longe ol unu semajnon.

Mi sciigis pri tio Kazuĉjon. Li ĉirkaŭprenis mian kolon, ekĝojis kaj diras:

Kiel bone estas, paĉjo, ke ni translogiĝos. Ni loĝos certe pli proksime al la tero. Mi tiel ŝatas la liberan naturon, arbojn, birdojn, florojn, kaj ĉi tie estas tiel alte kaj krom tegmentoj oni nenion povas vidi. Kaj kiam ni translokiĝos al la nova loĝejo? li deman-

dis, sidiĝante sur miaj genuoj. Kaj ĉu tie oni donos al ni kusenon, paĉjo?

— Certe, oni donos, fileto, oni donos — mi respondis, karesante lian kapeton per la unua mano, kaj per la dua volante elŝiri la koron el mia brusto.

Mi sentis, ke se mi tuj ne ebriiĝos, mi ne eltenos. Mi havis nek unu groŝon. Ĉiun almozricevitan monon mi fordrinkis. Neniam mi lasis al mi ion por venonta tago. Iafoje, se restis al mi kelkaj groŝoj, vagante hejmen en la nokto, mi aĉetadis por la infano malkaran sukeraĵeton. Sed ĉi tio okazis tre malofte.

Tuj mi akiros novan monon por la glaso da brando — mi ekpensis. Mi devas vendi la pantoflojn de Teklunjo. Supre ili estas sendifektaj kaj la plandoj ankaŭ bonaj. Ĝi estas la sola aĵo, kiu restis post la edzino. Kazuĉjo ĉiam petegis, ke mi ilin ne vendu. En ĉi tiu okazo nenia petego helpos — mi jam decidis.

Mi alpaŝis al la lito de Teklunjo.

Sur la pajlomatraco, el kiu en kelkaj lokoj elfalis la pajlo kaj sur kiu kuŝis difektitaj ludiloj de Kazuĉjo, nenio plu estis. Mi ekgenuis por plenumi mian decidon. Kazuĉjo, ekvidinte tion, ankaŭ genufleksis, pensante, ke mi eble preĝos. Rimarkinte tamen, ke mi kliniĝas kaj eltiras la manon por preni la pantoflojn li komencis plori kaj kortuŝe petegi:

— Paĉjo! Ne vendu la pantoflojn de la patrinjo. Vi ja kisis ilin, kiam la patrinjo mortis kaj vi diris, ke ili estas sanktaj, ĉar ankaŭ la patrinjo estis sankta. Mi ankaŭ kisas ilin, paĉjo, kiam mi preĝas, aŭ kiam mi atendas vin nokte kaj ne volas pluludi. Ne vendu ilin, kara paĉjo!

Post momento mi estis jam ekster la hejmo, portante por la vendo ankaŭ ĉi tiun lastan relikvon de la mortintino. Nur por pli rapide ricevi la brandon.

Mi trinkis la tutan tagon, ĉar escepte mi sukcesis bone almozpeti. Mi ne memoras, kiam mi havis tiom da elalmozita mono. Mi enkuradis en la drinkejon, mi eldrinkadis kaj denove mi vagadis tra la stratoj, por ĝemi kaj ploregi, en la manoj tenante la komplete maluzeblan ĉapelon.

Kelkaj preterirantoj, ĵetante pli malavaran almozon, demandis min, pro kio mi ploras, kio okazis. Mi respondis, tremante per la tuta korpo: „Malfeliĉo! Granda malfeliĉo! — kaj mi denove ĝemis. Okazadis, ke la pasantoj ĵetadis monon kaj forkuradis de mia terura ploro. Mi elektis ĉiam tiajn lokojn por la almozpetado , kie ne povis minaci al mi la ĉeesto de policisto.

Krepuskiĝis. Mi decidis reveni al la loĝejo ne pli frue ol post la noktomezo. Mi ŝanĝis la drinkejon, sed ankaŭ tie la brando ŝajnis al mi akvo, al kiu oni enverŝis apenaŭ kelkajn gutojn da alkoholo. Ĉi tio fine ekkolerigis min. Mi eniris en la kolonialvendejon kaj mi aĉetis unu litron da brando, kaŝante ĝin en la poŝo.

Ĉi tion mi eltrinkos hejme — mi pensis, kiam mi revenos el la drinkejo. Bona ekzekutisto devas ja bone trinki — mi rezonis Necesas, ke la mano ne tremu.

La homoj rapide pasadis. Baldaŭ oni fermos la drinkejon. Mian decidon mi traktis kiel nerevokeblan. Car kion mi faros nun sen tegmento super la kapo kun kompatinda, malsana infano, kiun mi amas pli ol propran vivon? Redoni lin eble al la publika bonfaro, kiel oni proponis al mi? Neniam! Neniam en la vivo! pensis mia malsana, ardanta cerbo.

Sin mi mortigis jam — kriis la konscienco min mem mi finmortigas, do kiaccle mi devas kondamni ĉi tiun malgrandan luesmalsanulon je pluaj vivturmentoj? Ho, Dio! — mi pensis. Sed ĉu mi ne hezitos en la lasta momento, kiam li ekrigardos min per la okuloj de sia patrino, vokante: „Paĉjo!"... Li ofte atendas min ja ĝis la unua, dua post la meznokto, li ne dormas. Ho! Se li dormus, ĝi estus pli facila afero...

Sed mi havas ja ankoraŭ la plenan botelon en la poŝo. Ci tio aldonos al mi energion en la plej malbona okazo — mi konsolis min. Nu, estas jam tempo foriri. Oni fermas la drinkejon.

Jen mia hejmo. Mi enrigardis en la ĉambron tra la ŝlosiltrueto. Estis mallumo. Li dormis, aŭ oni jam fermis al mi la elektron.

Mi eniris mallaŭte. Mi faris lumon. Li dormis kaj sub la kapeto li havis kusenon, ne la vesteton, kiel kutime. De kie li ricevis ĝin? Certe iu el ĉi tiuj kompatemaj sinjorinoj alportis ĝin, mi respondis al mi. Oni devas rapide agi, por ke li ne vekiĝu.

Antaŭ ĉio mi ŝlosis la pordon kaj mi streĉis la atenton, ĉu hazarde iu ne iras tra la koridoro. Regis la kompleta silento. Mi revenis ja hejmen je la dua. Ĉiuj najbaroj jam dormis. Mi plenigis la glason per la brando. Tuj eltrinkis mi ĝin unuglute. Mi estis fizike ebria, sed sobra morale, ĉar mi bone sciis, kion mi faras. Tia somnambula stato estas akirebla kiel travivaĵo nur por la alkoholuloj. Mi penis esti trankvila, fari neniun brueton. Mallaŭte mi alproksimiĝis al la lito de Kazuĉjo. Subite mi elŝiris la kusenon de sub la kapeto de dormanto...

Li baraktis... Li penis liberigi sian kapon de sub la surĵetita kuseno... Li eĉ mordis min, kiam per unu mano mi ŝovis lian kapon tiel, ke la vizaĝo estu supre. Poste li elĝemis kun interrompoj tiujn vortojn, pri kiuj li iam

sonĝis... „Paĉjo!... Paĉjo!... Ne mortigu... min!..." Fine li eksilentiĝis kaj li nur tremis dum kelka tempo...

Kaj mi senĉese genuis per ambaŭ genuoj sur la kuseno... Eble dum unu horo, eble dum tuta eterneco...

Fine mi deŝoviĝis malrapide sur la plankon kaj mi komencis malkovri la kusenon...

Mi montris malnecesan singardemon, ĉar la korpo estis jam preskaŭ malvarma, kaj precipe ĉe la tuŝo per miaj ardantaj manoj. Sur la kuseno estis neniu postsigno kaj nur sur la buŝo li havis kelkajn rozkolorajn gutojn. Kiel bone mi faris, ke antaŭe mi kovris lian vizaĝon per mia surtuto kaj poste fulmrapide per la kuseno...

Surĵetinte sur la kadavron la malnovan eluzitan lankovrilon, per kiu ni ambaŭ kovris nin, mi sidiĝis ĉe la tablo kaj trinkis la brandon, kiel akvon. Min kaptis terura reakcio de la laciĝo kaj granda dormemo. Ektagiĝis. Mi eniris la liton kaj mi tuj ekdormis.

*trad. Prof. Sygnarski Mieczysław*
*Bydgoszcz-Polujo.*

(**Rim.**: La tuta tre interesa romano, esperantigita de prof. S. kun antaŭparolo de prof. dr Odon Bujwid — atendas eldoniston, kiu konsentus aperigi ĝin kontraŭ modesta honorario por la vidvino post la mortinta antaŭ jaro aŭtoro. Proponojn bv. direkti al la tradukinto **Redakcio).**

*Julio Baghy*

*El la kolekto s. t.*

## *LA VAGABONDO KANTAS...*

*Mi estas gaja papilio,*
*Ne kredu min en ama vort'.*
*De roz' mi flirtas al lilio*
*Kaj sur verben' min trafos mort'.*

*Mielon havas ĉiu floro.*
*Mi vivas per la kismiel'*
*Kaj post satiĝo sen memoro*
*Mi flugos fine al ĉiel'.*

*Se la anĝeloj min forpuŝos*
*Pro mia vivo sur la ter',*
*Demonajn lipojn do ni tuŝos*
*En fund' profunda de l'infer'.*

*Warszawa.*

*Juliusz Baghy*

*Ze zbioru p. t.*

## *WŁÓCZĘGA ŚPIEWA...*

*Ja jestem motyl... motyl tylko...*
*Z róży na lilię fruwam rad...*
*Nie wierz miłości mej — jest chwilką!*
*Wróży mi zgon werbeny kwiat...*

*Bo każdy kwiat ma miody swoje,*
*A żywi mnie całusów miód...*
*I gdy do szału się upoję,*
*Polecę aż do nieba wrót...*

*Gdy stamtąd wyprą mnie anieli*
*Za karę mych miłosnych zdrad, —*
*Napotkam w piekle tym weselej*
*Ust demonicznych słodki kwiat.*

*Z oryginału esperanckiego przełożył*
*Leo Belmont.*

## „FRATECO".

Mi turnis la paĝojn de katalogo en iu libropruntejo en Varsovio. Subite esperanta vorto trafis miajn okulojn: „Frateco". Ĝi estas verko de Maria Mittelstaedt-Leszczyńska, skribita en la pola lingvo.

Duonhoron poste mi sidis en mia ĉambro kun okuloj fiksitaj sur la paĝoj de la libro.

... Belega ŝipo „Frateco" vojaĝas sur la Mediteranea maro. Tiu ŝipo estas neĝanta lernejo, aŭ, pli ĝuste, edukejo. Ĝi portas infanojn elektitajn el plej diversaj landoj, el plej diversaj nacioj. Ili lernas ne nur tion, kion lernas infanoj en ĉiuj lernejoj de la mondo, sed ili lernas ankaŭ tion, kion oni, bedaŭrinde, plej ofte forgesas en la lernejaj programoj: ili lernas esti bonaj kaj justaj. Ili lernas esti homoj kaj fratoj. Tiujn ĉi ecojn zorge kulturas en ili gvidanto de tiu ŝipolernejo, doktoro amata kaj adorata de siaj lernantoj.

Jen ekzemple kelkaj infanoj ludas gaje kaj fervore: ili scenigas historian okazaĵon el antikva tempo. La infana temperamento ardigas malgrandan aktoreton, ludantan la rolon de Scipio. Melankolie la bona doktoro rigardas tiun revekiĝon de la militaj instinktoj. „Ĉu via dento doloras?" demandas bubeto, vidante la malĝojon de la amata gvidanto. „Vi, infanoj, kaŭzas al mi doloron pli grandan ol dekdu dentoj" — respondas

la demandito, admonante la tro kruelan malgrandan militiston.

Kaj en kiu lingvo tiu doktoro-idealisto edukas siajn lernantojn? La esperanta titolo de la verko mem respondas al tiu ĉi demando: la lingvo de „Frateco“ estas Esperanto.

Kaj tiel „Frateco“ velas de unu bordo al alia. Sed ho ve! malica sorto maldormas. Ie, proksime al la grekaj bordoj, embuskas subakva roko. Pereas „Frateco“, pereas la doktoro-idealisto, pereas la naĝanta lernejo kun infanoj el plej diversaj landoj...

Ĉu ĉiuj pereis? Ne. Saviĝis unu el ili. Kiu li estas? el kiu lando? Li ne scias tion diri. Ĉio, kion li kapablas klarigi, estas nur la vorto „Frateco“, la nomo de la pereinta ŝipo. Kaj tial ankaŭ „Frateco“ iĝas la nomo de la savita infano.

La unua zorganto de Frateco estas vagulo sen skrupuloj kaj konscienco, serĉata de polico pro plenumita krimo. La infana koreto de Frateco tamen ligas sin al tiu homo. Kune ili vivas tiun vagan, mizeran vivon. Iom post iom la dolĉa pasinteco nebuliĝas en la memoro de la infano. Sed restas ankoraŭ en lia koro, kvazaŭ iu sanktaĵo, vortoj de infana esperanta himno:

„Mi, ne konanta malamon infano
Alvenas al vi kun oliva branĉo...“

Sed dume la malgranda Frateco lernas almozpeti, mensogi, ŝteli...

La sorto ŝanĝiĝas. Frateco venas en aliajn manojn. Iom post iom revekiĝas lia denaske honesta naturo. La infano-Frateco fariĝas junulo-Frateco. Kiel antaŭe, li ne scias, kiuj estas liaj gepatroj, en kiu lando li ricevis la vivon, antaŭ kiu altaro preĝadis liaj antaŭuloj. Ĉu li estas italo, germano, polo? Ĉu li naskiĝis kristano aŭ judo? Li ne scias. Kaj tial li povas malami neniun el la reciproke malamantaj sin nacioj; tial li povas akcepti neniun el la tradiciaj kultoj.

Mi, ne konanta malamon infano,
Alvenas al vi kun oliva branĉo...

Kiu povas pli vere esti esperantisto, ol tiu Frateco, ne scianta eĉ, kian lingvon parolis liaj gepatroj? Kaj Frateco estas fervora esperantisto. Per la tuta entuziasmo de sia juneco li propagandas la lingvon de la frateco...

La libro estas pensoriĉa kaj enhavas multajn valorojn, kiujn pritrakti ĉi tie estus tro longe. Tiu libro estas ne nur bela por-esperanta propagandilo, por kiu ni ŝuldas sinceran dankon al la aŭtorino. Ĝi estas ankaŭ libro-edukilo. Ĝi edukas la legantojn esti homoj, senti home, senti frate.

Ni esperu, ke efektiviĝos iam la bela ideo de la terglobo ŝipo-Frateco, kaj ke tiu ŝipo ne pereos, sed plenumos sian edukan mision kaj instruos fratecon al infanoj el ĉiuj landoj de la mondo.

**Lidia Zamenhof.**

## *MI ŜATAS.*

*Mi ŝatas revi apud vi,*
*Senzorge pri l' morgaŭa tago:*
*Samkiel en la akvo fiŝ'*
*Libere ludas la imago.*

*Mi ŝatas ridi apud vi*
*Freneze de senzrida gajo,*
*Dum novan vivon en la land'*
*Elsorĉas la belega Majo.*

*Mi ŝatas lerni apud vi*
*De l' amo ĉiujn strangan sentojn;*
*Voluptavide ĝuas mi*
*Plezurojn ĝiajn kaj turmentojn.*

*Mi ŝatas plori apud vi,*
*Kiam la koron kaptas spleno*
*Kaj antaŭ mi jen de la viv'*
*Montriĝas kruda la mieno.*

*Mi ŝatas morti apud vi*
*(la mort' kiel ŝtelisto venas)*
*Kaj montri, amatino, ke*
*Al vi mi tute apartenas.*

*Jan van Schoor.*

## *LA HEREDA PEKO.*

*Finiĝis hejma uragan'...*
*En ĉambrangulo nun li sidas*
*Kaj pri la poezi' de l' am'*
*Kaj prozo de l' edziĝ' meditas.*

*Ho, kiom stulta estis li!*
*Sed ve, ne helpas plu lamento;*
*La ĉiam sama histori':*
*Adamo... Eva... pom'... serpento!*

*Antverpeno.*

*Jan van Schoor.*

# EN TRANĈEO.

Obtuze krakas pafoj, la kugloj fajfas, bruas... kanonoj tondre muĝas, mortsenda tintas ŝtal',
diboĉas krimfantomo, mortdanco kontinuas, kaj bolas furioza, rabia sangbatal'.
En unu el tranĉeoj per fajr' kaj fum' vomanta, ĉi tiujn vortojn diris soldato al soldat:
— mi tiuj ekpafos... vidu... al tiu... nin rompanta, sed ĉu mi lin bontrafos, observu kamarad'!
Kaj se mi bone vidas, li estas jam vundita, ĉar frunt' zonita estas per sanga peċ' da drap'
damninda malamiko tuj estos mortigita; observu, mi lin trafos en centron de la kap'.
Dirinte lastajn vortojn, li levis revolveron, kaj post celad' mallonga obtuza krakis paf',
kaj ĉesis rampi homo, falinta sur la teron, ĉar kapon disfrakasis... perfekta kuglotraf'

„Ho, mi perfekte pafas, mi foje en kabano
paftrafis muskapeton... — rakontis militist',

. . . . . . . . .

kaj en infer' ekridis per ĝoja rid'... satano,
kaj en ĉiel' ekploris per sangaj larmoj... Krist'!

. . . . . . . . . . . . . . . . .

En la sopir', turmento, en peza malespero,
atendas la patrino revenon de la fil',
kaj tute ŝi ne scias, ke ŝia fil' en tero,
kun kapo trapafita ripozas en trankvil'.

*Eugeniusz Matwiejczuk.*

# BIBLIOGRAFIO.

## RICEVITAJ LIBROJ.

**VETERANO? De Ismael Gomes Braga.** Respondoj al la demandaro por la „Festo de la Veteranoj" aranĝita de la Jubilea Kongreso de Esperanto; Aŭgusto 1937. Eld. de „Gazeto de Ameriko" Rio de Janeiro. Prezo afrankita: broŝ. 1·50 sv. fr. aŭ 0·40 us. dol., tole bind. 2·50 sv. fr. aŭ 0·60 us. dol. (aŭ egalvaloro).

**L. L. ZAMENHOF: Essência e futuro de idéia de Lingua Internacional.** Tradukis **Ismael Gomes Braga.** Eld. de „Lingua Auxiliar" Rio de Janeiro.

**AL VIENO DUM ĈIUJ SEZONOJ** kaj **AUSTRIO — faldprospektoj.**

**AFIŜO** de **Intern. Specimena Foiro,** Rio de Janeiro. 12/X — 15/XI 1937.

**LA SKOLTA MOVADO. ĜIA BEZONO DE INTERNACIA LINGVO. De Sven Alexandersson.** Aldono al „Skolta Bulteno". Prezo ne montrita.

**HUNGARAJ BRODAĴOJ** verkis **Ladislao de Spolarich,** direktoro de ŝtata virinindustria instituto. Eld. la **Hungara Esperanto Federacio, s-o Jozefo de Michalik, Sashalom, Bejczi — u. l. Hungarujo.** 24-paĝa kun multaj brodaĵprojektoj. Prezo: 2 resp. kuponoj.

## DOKTORO PIERRE CORRET.

Antaŭ unu jaro mortis Doktoro Corret! Oni scias kiun gravan rolo li ludis kiel propagandisto de nia lingvo, kiel defendinto de Esperanto kontraŭ Ido, kiel fidela adepto de la Zamenhofa gramatiko.

Por honori lian memoron, la esperantista grupo en Paris organizis specialan kunvenon la 27-an de novembro 1936.

S-ro Aisberg tie diris la meritojn de Dro Corret pri la radioscienco, kaj S-ro Flageul parolis pri liaj kvalitoj kiel esperantisto kaj stenografisto.

Kun portreto farita ĝuste ok tagojn antaŭ lia morto, la broŝuro — tute skribita en stenografio — enhavas tiun lastan paroladon, kies ĉapistroj estas: Memorinda tezo; Kontraŭ-Ida batalo; Prudenta firmeco; Stenografio; Doloro kaj sufero; Ni restu fidelaj!

La prezo de tiu verko estas **3 fr. fr.** (2 respondkuponoj). Dezirante intensigi la propagandon, kiun helpis Doktoro Corret, Stenografa Instituto Tutmonda decidis aldoni senpage lernolibron de Esperanta stenografio (kies prezo estas 1·50) al ĉiu persono, kiu petos ĝin kun la broŝuro „Doktoro P. Corret".

**Sin turni al Stenografa Instituto Tutmonda, 9 Boulevard Voltaire, Issy, Seine, Francujo.**

## JARLIBRO DE IEL 1937.

Neaĉetebla. Sendata nur al individuaj membroj de IEL.

**KOTIZOJ:** Membro kun Jarlibro: 4 anglaj ŝilingoj. Membro-Abonanto: 10 anglaj ŝilingoj

(Specialaj kotizoj en landa valuto estas haveblaj de la Centra Oficejo de IEL, Heronsgate, Rickmansworth (Herts.) aŭ de Landaj Ĉefdelegitoj aŭ Perantoj).

## RICEVITAJ GAZETOJ.

Amerika Esperantisto. Argentina Esperantisto. Aŭstria Esperantisto. Belga Esperantisto. The British Esperantist. Dansk Esperanto-Blad. Esperanto (Genève). L' Esperanto (Milano). Esperanto Internacia. Flandra Esperantisto. Frateco. Heroldo de Esperanto. Hungara Heroldo. Informoj de Esp.-Asocio de Estonio. La Interligilo de L' P. T. T. Internacia Medicina Revuo. Internacia Revista Argentina. Internacia Stenografisto. La Juna Vivo. Laborista Esperantisto. Ligilo (Prostĕjov). Lingvo Internacia (Ateno). Literatura Mondo. Nederlanda Esperantisto. Nia Gazeto. Norvega Esperantisto. Nova Kulturo. Le Phare de l' Esperanto. La Praktiko. Radio-Espéranto. Skolta Bulteno. Sveda Laborista Esperantisto. Svenska Esperanto-Tidningen. U. S. E. — E. H. O. Verda Revuo. La Vipo.



# NOVAĴOJ.

**BYDGOSZCZ.** En la klasika gimnazio (de Marŝalo Piłsudski) komenciĝis la 9-an de septembro k. j. la nova Cseh-metoda Kurso de Esperanto por 15-16 jaraj lernantoj de la III klaso. Partoprenas en la senpaga kurso dum antaŭtagmezaj horoj 63 gimnazianoj kaj unu profesoro de la franca lingvo. La kurson gvidas prof. Sygnarski, kiu intencas ĉijare aranĝi solenan kursfiniĝon, invitante ĉiujn profesorojn de la gimnazio kaj kelkajn direktorojn de mezlernejoj. Venos eble ankaŭ iu el vizitatoroj kaj inspektoroj por konvinkiĝi pri la rezultoj de la 2-monata nedeviga instruado de Esperanto. La plej diligentaj lernantoj ricevos donace valorajn esperantaĵojn (librojn, gazetojn, prospektojn). Kiuj el gesamideanoj povus ion oferi por ĉi tiu celo, bonvolu direkti la sendaĵon je adreso de la gvidanto (Gimnazjum - **Bydgoszcz**, Polujo, pl. Wolności 9) antaŭ la 20-a de novembro.

✶

Al la 30-a Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazos en Londono en 1938, jam aliĝis 132 personoj el 17 landoj. Poloj povos ricevi aliĝilojn kaj pagi kotizojn al la ĉefdelegito por IEL, **S-ro Inĝ. Michał Chmieliński, ul. Krasińskiego 4, Wydział Dróg Wodnych, Toruń.** La kotizo ĝis la fino de 1937 estas 27 zlotoj.

✶

## ITALAJ TURISMAJ KRONIKOJ EN „ESPERANTO“.

Ĉiusabate je h. 18 (Greenwich) — h. 19 (M. E. T.) radio-stacio Romo I. (m. 420,8) regule disaŭdigas paroladojn pri la turismaj belaĵoj en Italujo. La aŭskultantoj povas ricevi la tekston de la paroladoj de: **Direzione Generale per il Turismo, Roma.** Via Vittorio Veneto 56.

✶

## ESPERANTA HORETO.

La Verda Stacio - Brno, kun relajsoj el Praha, Bratislava, Moravská Ostrava kaj Koŝice prezentos la 4 de novembro kj. je 22·35 horo (laŭ MET) **Radio-Filmon pri la vivo de la Prezidanto-Liberiginto Tomas G. Masaryk.**
Aŭskultu, sendu dankesprimojn!

✶



★

## BRAZILA POŜTMARKO MEMORIGANTA LA ORAN JUBILEON DE ESPERANTO.

Kiu sendos al **S-ro A. Couto Fernandes — Rua Alice, 23. Rio de Janeiro. Brasil** — du poŝtajn respondkuponojn, tiu ricevos, rekomendite, ekzempleron de la komedio „Amo per proverboj“ kaj du ekz. de la brazila poŝtmarko memorige de la ORA JUBILEO DE ESPERANTO, unu sur la koverto kaj unu en ĝi.

La sendinto de tri respondkuponoj ricevos ankaŭ du el la antaŭaj poŝtmarkoj kun teksto en Esperanto.

✶

## DANKON PRO BONFARO!

Per la helpo de centoj da diverslandaj geesperantistoj estis eble forsendi nian pacientinon al Davos, Svisujo, por resaniĝi je blindiĝo. En ŝia nomo ni tutkore dankas ĉiujn, kiuj sendis donace poŝtmarkojn uzitajn.

Ĉar tuta resanigo postulas pli ol miliono da p. m., ni ĝentile petas daŭrigi la sendadon, por ke ni, se eble, forsendu ankaŭ alia(j)n malsanulino(j)n.

Por eviti kostojn, ni respondos detale al tiu, kiu sendos respond-kuponon.

Bone notu mian novan adreson: S-ro. P. J. W. SCHILPEROORD, Kreekweg 51 a, IJSSELMONDE, (apud Rotterdam) Holando.

(Represo dezirata!)

✶

## DU SURPRIZOJN

entenas nia prospekto pri la konata internacia perfektiga skriba Esperanto — kurso.

Ankaŭ por vi polaj Esperantistoj!

Do **senprokraste** petu nian senpagan prospekton.

Esperanto — Instituto „Isosek“
Geleenstraat 66 Heerlen. Nederlando.

★

APERIS NOVA LIBRO S. T.

## LA ORA JUBILEA KONGRESO DE ESPERANTO 1937.

Paroladoj faritaj okaze de la 29-a Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio, 7 — 15 de aŭgusto 1937 aranĝis kaj kompilis

Julius Glück

**Prezo zł 1·15 kun afranko.**

Havebla ĉe Libreja Fako de Pola Esperantisto.

✶

Kuraĝigu la eldonadon en Brazilo, mendante rekte ĉe

**Livraria Editora da F. E. Brasileira**
**Rio de Janeiro, Av. Passos 30.**

la unuan libron originale verkitan en Esperanto kaj presitan en Brazilo

**VETERANO?**

**de Ismael Gomes Braga.**

Prezo afrankita: broŝ. 1·50 sv. fr. aŭ 0·40 us. dol., tole bind. 2·50 sv. fr. aŭ 0·60 us. dol. (aŭ egalvaloro).

✶

En Jasło mortis s-o Wilhelm Kornfeld, patro de nia samideano, Salo Grenkamp-Kornfeld. „Pola Esperantisto“ esprimas al s-o Grenkamp sincerajn vortojn de kompato pro la dolora perdo.

✶

**S-o J. GOLDHAAR, SUCHEDNIÓW** (Polujo) deziras korespondi kun samlandaninoj pri ĉiuj temoj. Certe respondos.

★


ABONO: jare zł 8·—, duonjare zł 4·—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj jare zł 6·—. Eksterlande 7 sv. fr. Aparta numero zł 0·70, duobla zł 1·40.

ANONCOJ: 1/2 paĝo zł 30·—, 1/4 paĝo zł 15·—, 1/8 paĝo zł 10·—. Korespondado: anonceto de 10 vortoj (krom adreso) zł 1·—.

PRENUMERATA: rocznie zł 8·—, półrocznie zł 4·—. Dla Towarzystw i grup esperanckich rocznie zł 6·—. Zagranicą: 7 fr. szw. Numer pojedynczy zł 0·70, podwójny zł 1·40.

OGŁOSZENIA: 1/2 strony zł 30·—, 1/4 strony zł 15·—, 1/8 strony zł 10·—. Korespondencja: małe ogłoszenia z 10 słów (prócz adresu) zł 1·—.

Przekaz rozrachunkowy: kartoteka Nr 29, Kraków 2. — Konto P. K. O. Nr 406.160.

Wykonano w Drukarni Miejsk. Muz. Przemysłowego w Krakowie. Redaktor odpowiedzialny: Dr Leon Rosenstock.